# Aŭstraliaj Esperantistoj

Nia Espero Nia Forto

Novaĵa Letero de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 30/12/2011 Dudektria Eldono 2011 31/12/2011 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## ROGER IROS AL ĈINIO



### ĈINIA VIZITO DUM 3 MONATOJ



**Sed,** mi kunportas la komputilon kaj daŭrigas la Novaĝleteron je wuhan ĉinio. Skribu! Sendu novaĵon, plendojn, ideojn. Ankoraŭ je rspring@tpg.com.au Roger



Anstataŭa presidanto de EFNSK estas la vic-presidanto Nicole Else dum jan, feb, mar, 2012 nicole@cryogenic.net;

Kara Roger,

Saluton kaj dankon pro enmeti bonegan, longan artikolon de Max. Mi ankaŭ konsentas, ke via "Aŭstraliaj Esperantistoj" novajxletero estas brila ideo kaj vi faras gxin tre bone.

Mi ankaŭ havas iometa longa kaj grava anonco, kiun mi esperas, ke vi ankaŭ povos aldoni:

**La Aŭstralia Esperanto-Kongreso 2012** okazos ĉe la **Y Hotelo George William, Brisbano** je la semajnofino inter septembro kaj oktobro kun Post Kongreso por ĉiuj kiuj volas vidi la vidindaĵojn de Brisbano kaj antaŭaj lokoj kun aliaj Esperantistoj. Tiu estas la feria longa semajnofino por la plej parto de Aŭstralio, do se vi volas loĝi kune ĉe la Y bonvolu aliĝi rekte ĉe www.**hgw.com.au** tre baldaŭ. La kosto por aliĝi al la Kongreso estas $25 kaj vi povus loĝi ie, kie vi mem aranĝos.

La Kongreso malfermos je **vendredo**, 28a septembro per **Amika Renkontiĝa Vespero,** kie ĉiuj povus porti indiĝenajn vestojn laŭ iliaj elektoj.

Je la **sabato** ĉiuj statoj, fakoj aŭ kluboj povus prezenti ili mem kaj montri tion, kiun ili faris por aŭ per Esperanto aŭ ion alia laŭ iliaj elektoj.

Je la **dimanĉo** post Diservo, ĉiuj statoj, fakoj aŭ kluboj povus diskuti ĉion, kiujn ili volos fari dum la venonta du jaroj por aŭ per Esperanto kune kaj ankaŭ grupe.

Poste ili montros aŭ diros al ĉiuj cxion, kiujn iliaj elektis.

Je la **lundo**, tiam la jara kunveno de AEA okazos kaj la nova Estraro estos anoncita.

Proponoj pri la Post Kongreso estos diskutita.

Je la **mardo kaj merkredo**, tiam la Post Kongreso okazos.

Amikajn bondezirojn,
Diano diannelukes@yahoo.com

Kiam kaj kie estos la elekto de la AEA Estro?

 Esperanto anthem

Jen anonco pri Jose.

**La Esperanto Federacio de Viktorio** arangîs rendevuon por gastigi nian samideanon Jose Vegara el Ĉilio ĉe Ross House, 247 Flinders Lane, Melburno, 6.30 ptm 16a Januaro 2012. Jose estas survoje al la Novzelanda kongreso en januaro do li profitas la okazon viziti la Auxstraliajn Esperantistojn. Jose prezentos mallongan prelegon pri Homaranismo. Samtempe vizitos nin amikojn de Nederlando, Ton kaj Miny Masseur. Bonvolu veni por bonvenigi niajn gastojn. Legera vespermanĝo provizatos.
Heather Heldzingen
por EFV

**La EFNSK Ferio 08 jan 2012 ĝis 15 jan 2012 ĉe Esperanto Domo.**

Estos okazo por ferii en Esperantujo.
EFNSK donos al Esperantistoj kaj lernantoj kiuj restos pli ol 3 tagojn unu 7-tagan busan/trajnan bileton
Ĉiutage grupoj povos vojaĝi laŭ sia elekto, esperéble parolante Esperanton.
EFNSK ne pagos por mangxoj, trinkaĵoj, enirbiletoj al vidindaĵoj, muzeoj, ktp.
Aliĝu skribu al EFNSK 143 Lawson St. Redfern 2016 *nsw@esperanto.org.au*
Copy to EFNSK secretary,
Margaret C. gymea@hotmail.com"

**Mesaĝo de anstataŭa Presidanto EFNSK**

Bonvolu ne forgesi ke de la 8a ĝis 14a de januaro estos ebleco ferii tre malmultkoste en Sidnejo. La NSK federacio donacos al vi senpagan unusemajnan bileton por uzi publikajn transportrimedojn en Sidnejo kaj ĉirkaŭaĵo, vi povos konatiĝi kun esperantisto el **Ĉilio Jose Antonio Vergara,** ekskursi kun li, aŭskulti lian prelegon pri humanismo (**mardon la 10an de januaro je la 7a vespere** en Esperanto domo), konatiĝi aŭ revidi esperantiston el Novkaledonio, diskuti pri la estonteco de la Esperanto movado en Aŭstralio kun Max Wearing, ktp. Se vi deziras tranokti en Esperanto domo, vi nur bezonos pagi $30 por la kosto de aermatraco. Tuj poste vi povos ferii kelkajn tagojn ĉe la Centra marbordo loĝante ĉe Henriette. Bonvolu mesaĝi al mi, se tio interesas vin nicole@cryogenic.net
Amike, Nicole

Café-conférence
Les aborigènes
Avec Trevor Steele
(Universitaire et espérantophone australien)
Samedi 29 octobre -19h
Au Mondial'o
24,bd de La Bastille
75012 Paris
Métro Bastille
Gratuit, dans le cadre des rdv mensuels « Café espéranto Paris » : Parler en espéranto, s'informer sur la langue espéranto, et se distraire et boire un pot convivialement...
cafe-esperanto.blogspot.com

Pariza afiŝo pri prelego de Trevor Steele

Jen foto de la afiŝo preparita por la prelego de Trevor en Parizo pasintan oktobron
Nicole <nic941@iinet.net.au>

## CITO "PORTI INDIĜENAJN VESTOJN" ?

Bonŝance, la vetero estas varma je kvinslando

**Oni diras ke Marcel L. nun helpas je 3zzz.**

http://worldtv.com/Kunqu opero kaj regardu maldekstren, tie estas aliaj programoj de ĈRI

**LA NOVAĴLETERO SERĈAS LA INTERRETON KAJ INFORMAS VIN DE INDAJ PROGRAMOJ POR ESPERANTISTOJ KLAKU! KLAKU! KLAKU!**

Kara Roger,
Hodiaŭ Suzanne, sia 3 infanoj kaj mi komencas veturigi al Sidnejo. Ni al venos tie iam ptm je la 3a de januaro post viziti familion en Armidale. Ni cxestos la MeetUp ĉe Esperanto Domo je la 12a horo sabato la 7a de januaro por renkonti niajn Esperantajn amikojn cxirkaux Sidneo. Suzanne kiel Direktoro de Financoj de AEA kaj mi kiel Prezidanto parolos pri kio okazas rilate al Esperanto en Aŭstralio nun kaj mi ankaŭ parolos pri mia sperto kun Pasporta Servo en Eŭropo kaj Japanio kie mi uzis gxin dum ses monatoj en tute. Ni ankaŭ respondos al demandoj.

Mi ankaŭ esperas renkonti Manlianojn ĉe la kutima loko sur la kajo de la pramoj je la 11a horo dimanĉe la 8a de januaro, se ili volas renkonti min tiam kaj tie.

Ni revenos norde je la 9a de januaro. Mia poŝtelefona numero estas 0448865628 se iu volas telefoni min kiam mi estos en Sidnejo aŭ sendu al mi sms mesaĝon.
Amikajn bondezirojn por feliĉa novjaro por ĉiuj, Amike,
Dianne Lukes <diannelukes@yahoo.com>

Sidnejoj Esperantistoj. Venu al la Esperanto Ferio ĉe Esp Domo

**Almenaŭ venu je la specialaj eventoj**

Karaj gesamideanoj !
Feliĉan, prosperan kaj sanan Novan Jaron 2012!
Bob Felby <esperantobob@bigpond.com>

## ĈINA RADIO INTERNACIA (ĈRI)

estas internacia publika ensendant-organizaĵo en Popola Respubliko de Ĉinio. La Esperanto-versio de la retejo aperis la 1-an de majo 2002. Tie oni povas legi, aŭskulti kaj spekti novaĵojn kaj aliajn programojn en Esperanto.

"La Melburna Esperanto-Asocio deziras ĉion bonan al ĉiuj por la nova jaro de 2012. Esperante ke nia 125a datreveno de Esperanto estos kaj agrabla kaj plena je progreso por nia brila afero.
Persone, mi humile esprimas dankon pro la bondeziroj senditaj al mi de la vasta amikaro, okaze de mia antaŭ nelonga malsano. Ankaŭ mi esperas ke 2012 estos bona por mia resaniĝo. Mi esperas vidi vin en 2012.
Ivan Heldzingen, Prezidanto de la Melburna Esperanto-Asocio" 30/12/11



Ni ĉiuj esperas ke la Novjaro portos sanon kaj feliĉon al Ivan, lia familio, kaj ankaŭ al ĉiuj de la Esperantistoj en Aŭstralio, nia legantoj, kaj tra la mondo.

"Aŭstraliaj Esperantistoj" kaj Roger Springer